estas nur lastmomente, ĉar la urbo disponigis al ĝi 2.000 grandajn planojn kun nacilingva teksto, ke ĝi kaptis la okazon por surpresigi sur ilin esperantajn klarigojn pri la gravaj monumentoj, kaj pri la tramlinioj. Mi kredas ke vi estas do la nura, por plendi pri la malgrandliteraj nomoj de la stratoj sur tiu plano.

La kritiko pri la boatekskurso povas ŝajni pli serioza. Kaj diversaj personoj povos eble konsideri la plendojn kiel pravaj. Ni tamen atentigas tiujn pri la fakto, ke ĉiu havis okazon vidi la Skeldon mem, apud la Steenpontono. Ke tiuj, kiuj deziris vidi la internan havenon, en la plena aktiveco de semajna tago, devas ankaŭ kompreni, ke havendokoj, ne estas promenadejo, kie oni povas enirigi luksboatojn por ekskursoj; ke estas tute escepte, por fremduloj, ke la urbestraro permesas la malfaciligon de la ordinara trafiko, per ekskurs-boatoj, kaj ke ĝi prenis do sur sin la tutan organizon de la senpagaj ekskursoj. Ni nur zorgis pri la ĉeesto de unu aŭ du samideanoj, por doni klarigojn, sed la ekskurso ne dependis de ni mem. Ŝtopigi la trafikon en la havendokoj dum ok tagoj, ni kompreneble ne akiris, eble ĉar ni ne petis!

5) **La fermhoro de la akceptejo.** — Ĉiutage je la fermhoro restis kelkaj samideanoj en la akceptejo, kiujn ni devis peti foriri, kaj tiuj kelkaj kongresintoj tiam regule duonplendis pri la decido fermi la akceptejon je la 6a aŭ 6½ horo. Oni tamen prave jam atentigis en iu revuo pri la fakto, ke la L.K.K. bone faris, ĉar ĝi tiamaniere devigis la kongresanojn fari sian propran devon. Ĉiutage io okazis je la 8-a horo vespere, ĉu reprezentado, ĉu koncerto, ĉu balo, ĉu festeno kaj de la 6½ horo ĝis la 8a, ĉiuj nur havis la necesan tempon por iom manĝi; iomete purigi sian vestaĵon, kaj iri al la kunvenloko.

Iuj ankaŭ plendis pri la fakto, ke la poŝtoficejo estis fermita je tagmezo. Pri tio, mi povas respondi, ke la poŝtoficistoj estas regataj en Belgujo de la leĝo, pri la ok laborhoroj. Ke por tia escepta oficejo, oni ne kapablis fari interŝanĝon de oficistoj dum du aŭ tri horoj de la tago, kaj ke oni do devis aranĝi la horojn kiom eble plej bone. Estis jam tutspeciala escepto, ke la poŝtoficejo povis resti malfermata dum la dimanĉa antaŭtagmezo. Same devas esti dirata pri la bankoficejo. Kaj pri la akceptejo mem, diru ni, ke, en tiu ĉi kongreso la akceptejo ne estis vere la renkontejo de la Esperantistoj. La renkontejo estis la Zoologia Ĝardeno, kiun la L.K.K. luis por la kongresanoj, aĉetinte por ĉiu el ili, abonkarton por la kongressemajno.

Kaj jen... mi respondis al ĉiuj kritikoj aperintaj en via semajna Esperanta revuo « Heroldo ». Kvankam mi respondis al ĉiuj, ne estas mia intenco, pravigi antaŭ la okuloj de la kongresanaro, ĉiujn aranĝojn de la L.K.K. Tio ne estas la celo de tiu ĉi artikolo.

Mi nur volis montri al vi, Amiko Jung, ke estas facile plendi, ke plendanto ĉiam trovas simpatiojn, sed ke tamen, ĉefredaktoro de revuo, kiu celas iĝi la ĉefa reprezentanto de la jurnalista fako en la Esperantomovado, devus nepre pripensi ĉiujn flankojn de la afero antaŭ ol skribi eĉ la malgrandajn plendojn, kiujn vi enŝovis en vian raporton.

Ke mi, tutsimpla ĵurnalisto, tion estus farinta en via revuo, tion oni povus pardoni al mi. La etulo ofte ŝatas venĝi malagrablaĵon, kiu okazis al li, kontraŭ kiu ajn, sed tio estas sento, kiun ni ne plu devus renkonti ĉe persono, kiu emas aparteni al la gvindanta klaso, al la gvindantaro de tiu granda Povo, Ĝia Gazetara Moŝto.

Estas jen malgranda peto de belga ĵurnalisto, ke, kiam vi ankoraŭ refoje eksterlanden iros, vi helpu teni alten la standardon de la Esperantistaj ĵurnalistoj. Je via sinteno, je via agmaniero, oni juĝos ofte nian samideanaron.

Kaj kiam vi ankoraŭ venos al Antverpeno ,ne plu iru al « patatfritkraam » antaŭ noktmezo. Ne decas por kolego mia.

Mi respektplene, premas vian dekstran manon, kiu skribinte, dummomente eraris, sed neniam plu rekomencos, ĉu ne?

Sen « pendumila humoro »

Via

Maur. JAUMOTTE.

---

# PENTRINDA ANTVERPENO

## LA ŜIPISTKVARTALO.

La ŝoseo de l' Fromaĝstrato supreniĝas per modera monto, en la ombro de l' larĝaj kaj altaj Hispanaj pintaj frontonoj. La strato turniĝas kaj turniĝas, kaj jen subite ekaperas la griza maso de la « Steen», la malnova fortikigita kastelo, kun siaj malmolaj senfenestraj muroj kaj siaj rondaj kovritaj aŭ dentaj turoj. Trans la balustrado de l' Willem Ogierplaco kuŝas la Skeldo, larĝe kaj trembrilante de lumo, malsupre de la alta ĉielkupolo, super la Flandra Bordo. Blankaj kaj brunaj veloj ŝveliĝas en la vento. La altaj korpoj de transmaraj ŝipoj malrapide moviĝas tra la riverego, dum la brun-nigraj fumnuboj ondsvarmas el la kamenoj kaj aŭdiĝas la kriegado de l'sirenoj.

De sur tiu altaĵo, kiu estas kvazaŭ digo, la plej malnovaj stratetoj malsupreniras denove en la urbon. Estas malimplikebla fadenvolvaĵo. Ĉiu strateto havas sian propran nedependan karakteron, ĉiu aldonas novan, kaprican linion al la komplikita arabesko de la senfine dividiĝanta stratbildo.

Kelkaj eĉ, (kiel la Seĝstrateto, kun sia bela kurbo kaj la lasta flavokre pentrita ligna ŝtupfasado), povis konservi sian tutan mezepokan karakteron. La rondaj, brunaj ŝtonoj de l' Krabstrateto malsupreniĝas al la kurbiĝanta Angilegponto, kiu daŭrigas sub la malhela, malalta arkaĵo de la alta Buĉistdomo en la Kastelfosaĵon.

La kurboj kaj fleksoj tiel rapidaj estas, ke post kelkaj paŝoj la aspekto tute aliiĝas. Ĉi tie estas la malbonforme belaj dommasoj, la amasiĝoj de maldelikataj kamenoj kaj ege deklivaj seltegmentoj. La lumo estas krepuska dum mateno kaj vespero, inter la altaj kvazaŭ malleviĝantaj ŝtupfasadoj.

Mastodonte peza kusâs la malhelruĝa Bučisthalo masonita inter tiuj domaroj. La vermokonsumitaj domaĉoj antaŭen klinas al tiu neskuebla ŝtona maso, kun siaj altaj turetoj, kiuj staras plantitaj en la tero, kvazaŭ flanke rabotitaj arboj, je firmigo de la konstruaĵo. La stratetoj rampas sub ĝi al la Kastelfosaĵo aŭ algrimpas per brun-pavimitaj ŝtupoj aŭ la deklivaĵo de l'Sangmonto, kiu supreniras al la granda kruco, kiu estas starigita inter la de-sufer-kuntiritaj bildoj de Mario kaj Johano ĉe la malnovaj muroj en la ombro de ŝirmanta tegmentaĵo.

Pli malproksime trans la S-ta Paŭloplaco kaj la S-ta Petrokanalo komenciĝas la vera ŝipistkvartalo. Estas nova araneaĵo de trairejoj kaj stratetoj ĝis Falconplaco, kiu larĝe malfermiĝas je senfina panoramo de dokoj kun la amaso de mastoj kaj ŝipkorpoj.

De tie kelkfoje venas tiuj strangaj aperaĵoj de Hindaj ŝipistoj, kiuj per malrapidaj piedoj dolĉe almarŝetas el siaj malproksimaj ŝipoj, per senbrua, ŝovanta paŝmaniero. Ili kondukas tra la griza strato la fremdlandecon de siaj diverskoloraj turbanoj, perlitaj ĉapetoj kaj koloraj ĉemizoj. Iliaj malgrasaj, flavaj manoj portas iom da pavplumoj, iom da malgrandaj rozaj konkoj kaj markornojn aŭ brilantajn silkajn ŝtofojn, kiujn ili, ie en la urbo, senparole vendprezentas, dum iliaj flav-mallumaj okuloj hele brilas en iliaj brunbruligitaj vizaĝoj.

Ĉi tie ankaŭ vagas la Polaj elmigrantoj, kiuj atendas la forveturon de siaj ŝipoj al Ameriko. Estas kolorriĉa, kompatinda vidaĵo: senbrilaj palaj virinoj, la kapo, korpo envolvitaj en la dikaj faldoj de verdaj aŭ ruĝaj ŝaloj ; fortaj viroj kun altaj botoj kaj grizaj ŝaffeloj kaj la senhelpa mizeraĵo de junaj infanoj, kiuj ĉiuj rapide antaŭenpasas kvazaŭ forkure kaj estas amasigataj kiel brutaro ie en alta, malluma domo proksime de l'Granda Placo. En la nokto ĉio aliiĝas en ĉi tiu najbaraĵo. La malaltaj fenestroj flave lumetas sub la malhelaj fasadoj. La lumantaj anoncŝildoj ekbruliĝas, ruĝe kaj verde kaj blue kiel ŝiplanternoj, antaŭ ĉiuj « bars » kaj drinkejoj. Ili allogas la maristojn en ĉiuj mondaj lingvoj. La blankaj lumigiloj de la elektraj lampoj radias sian flavan aŭ purpurecan lumon blindigante antaŭ la kinematografejoj kaj dancejoj. Tie kaj tie sur stratangulo aŭ sur malluma placo brulas la kupraj lampoj malantaŭ la vitroj de « fritita terpom-ĉaro », kie bolanta graso ekvaporas.

Estas tra la strato svarmado de malhelaj fantomoj, moviĝantaj en la rebrilo el la fenestroj. Kafej-virinoj en koloraj bluzoj paradas en la pordaperturoj. Ĉie la orgenoj turnas siajn frenezajn dancojn. Estas konfuza bruo de klakantaj kastanjetoj, de sonantaj tamburoj, de orgentuboj kiuj tede eligas altajn kaj profundajn tonojn,inter la sonorado de « trianguloj » kaj la « dzim »-ado, « bum »-ado de platoj kaj cimbaloj. Meze de svarmado kaj bruado aŭdiĝas ĉe anguloj la flustraj petoj de lornete rigardantaj virinoj. Pezaj « matronoj » kapgestas el la portaloj de suspektaj domoj.

Dume okazas la fantaziaj, burleskaj kaj sentimentalaj reprezentadoj en la Pulĉinela Kelo, ĉe la Bučisthalo. Geinfanoj kaj Antverpenaj

doklaboristoj el la najbaraĵo malsupreniras kapklinante la ŝtonan ŝtuparon en la duonluman kelenirejon. En la blu-vaporanta tabakaero, sub la rozkolora malalta arkaĵo, ili sidas amasigitaj sur ŝtupforme rabotitaj bretoj. Ĉiuj kapoj antaŭenkliniĝas al la malalta kaj mallarĝa scenejo, kie la lignaj pupoj en koloraj vestaĵoj moviĝas per feraj stangoj antaŭ la primitivaj dekoracioj, prezentantaj tutajn arbarojn kaj urbojn kaj reĝajn palacojn kaj marojn kun rabistaraj ŝipoj. Laŭtaj virvoĉoj en suka Antverpena idiomo interpretas la amsopirojn de ĉagreniĝantaj princoj, la komandojn de militestroj, la blasfemon de « l'Nazulo », la « Kapulo », la « Strabulo » kaj la « Grizulo », kiuj estas enkarceritaj ĉe la Fajradorantoj aŭ venas kun siaj kamaradoj en la kortegon de l'Reĝo de Majorko aŭ Arabujo.

Kaj kiel vere Hispan-asketa antitezo suprenleviĝas tie en la koro de tiu frenezema ŝipankvartalo la alta Kalvarimonto de l' Sankta Paŭlopreĝejo.

Dum la stratoj svarme pleniĝas je popolo, dum la fenestroj flave lumbrulas, dum okazas la subteraj ludoj, oni ekkonas tie en la krepusko de l'nokto, ĉe l'alta preĝejnavo, sur nigra rokeca fundo, la ŝtoniĝintan misteriludon de l'sufero de Kristo. Tie staras la grandioza statistaro, ĉiuj la profetoj de l' Malnova Testamento, kiuj antaŭdiris la amaran Pasion. Plorantaj anĝeloj portas la turmentilojn kaj, en la profundaĵo estas la malhela kaverno kun la Sankta Tombo kaj la reprezento de l'Purgatorio: vivgrandaj figuroj de viroj kaj virinoj kun dikaj larmoj sur siaj de-suferado-kuntiritaj vizaĝoj en turniĝo de ruĝaj brulegantaj flamoj, malantaŭ dikaj feraj stangoj.

Tra fendo de l'tombŝtono, fermitaj per ruĝaj sigeloj, oni vidas la kadavron de Kristo kun Lia dornokrono kaj la sanga vundo en la flanko. Je Ĵaŭdo Sankta la homoj venas tie surgenui kaj preĝi kaj tiam blanka punta tuko kuŝas sur la nuda, morta Jesuo kaj tremanta lumileto brulas en la malluma tombo. Pli alte en la nigraj kavernoj Mihaelo batalas kontraŭ Lucifero kaj genuas Dominikanoj, antaŭ Pieta, dum sur la rokeca montsupro estas plantita la kruco kun la mortanta Kristo inter Mario kaj Sankta Johano.

Tiuj kompatindaĵoj de l'Purgatorio estas kvazaŭ konstanta brulejo, « autodafe » de l' Sankta Ofico de l'Dominikanoj, kiuj havis sian monaĥinejon ĉi tie en pli fruaj tagoj. Kaj estas teruriga penso scii, ke dum turniĝas la freneze kirliĝantaj dancoj en bruplenaj salonegoj, dum estas ĉi tie satigataj la plej bestaj ĝuoj, dum estas diboĉata kaj drinkata... la malvarma ŝtona kadavro de Kristo tie kuŝas senmove tra ĉiuj la abomenaj noktoj, tiel home morte kaj rigide, kun la purpura vundo en la flanko kaj la palflava kapo perlita de ruĝe malfluidiĝinta sango.

El « La Vivanta Antikva Antverpeno » de JOZEF MULS,
tradukis TYNEVERUM.

---

# BELGA KRONIKO

**AALST (ALOST).** — La loka Esperanto-grupo organizas novan kurson, kiu okazas dufoje ĉiusemajne en la komunuma lernejo nº 1. La profesoro estas S-ro Rob. De Bondt. En Januaro proksima S-ro Rob. De Kegel, Sekretario de la grupo, organizos specialan kurson de Esperanto per fonografaj diskoj.

**ANTVERPENO.** — « La Verda Stelo ». — Sabaton 6an de Oktobro ni havis kiel kutime la Ĝeneralan monatan kunvenon. Sabaton 13an gramofonkoncerto estis organizata en la sekretariejo. Tie Gesroj Faes aŭdigis diskojn de klasika muziko ankaŭ amuzajn kantojn k.t.pl. Ege granda aŭskultantaro venis.

Sabaton 20an ni havis por la unua fojo en tiu ĉi sezono kantlernadan vesperon, kiun lerte gvidis F-ino Cortens.

Sabaton 27an S-ro Faes paroladis pri Schubert, la fama muzikisto, kiun dum tiu jaro oni speciale festas en ĉiuj landoj okaze de la centjara datreveno de lia morto.

Dum la monato Oktobro «La Verda Stelo» malfermis sian sepan kurson de la sezono. Ĝi estas gvidata de S-ro Boeren. Enskribiĝis 41 kursanoj.

Jaŭdon 8an de Novembro « La Verda Stelo » malfermis la okan kurson de la sezono. Ĝi estas flandralingve gvidata de S-ro Vermuyten. Ĉeestis la malfermon de la kurso 27 personoj. La Grupa Membraro atingis la belegan nombron de 660. Dank'al la Kongreso, dank' al la tuja klopodado de la propagandistoj tiu bela rezultato estas akirita.

Sabaton, 10an «La Verda Stelo» invitis siajn membrojn partopreni la dancfeston, kiun ĝi organizis en la belega salono «Gymnase». Tiu unua balo de la sezono estis granda sukceso. S-ro Kempeneers el Bruselo bonvolis ĝin ĉeesti.

Dum tiu dancfesto S-ino Bornstein bonvolis kanti du muzikaĵojn kaj F-ino Annabelli, juna dancistino 9 jara dancis laŭ klasikaj muzikaĵoj. La aplaŭdoj de ĉiuj ĉeestantoj rekompencis ambaŭ. La Prezidanto S-ro Jaumotte je la nomo de la Grupo prezentis florojn.

Sabaton, 17an: Nia Vic-Prezidanto S-ro De Ketelaere faris tre interesan paroladon pri « VULKANOJ ». Lumbildoj ilustrantaj la paroladon montrigis diversajn vulkanojn de Eŭropo, Hindujo, Ameriko, Japanujo.

Sabaton 24an: S-ro Ameryckx, legis al ni redakton, kiun li faris laŭ temo « Impresojn dum promenado » kaj la aplaŭdoj pruvis, ke li bonege sukcesis interesi le membrojn.

**Urbaj vesperkursoj.** — En la kadro de la oficialaj vesperkursoj okazas ankaŭ nunjare kvar kursoj (du studojarojn). Sekvas ilin 61 personoj. La profesoroj estas: S-roj Rob. Broeckhove, J. Karnas, Const. Schroeyers kaj J. Vereeck.

**Laborista Popola Universitato.** — La programo de ĉi tiu institucio enhavas, kiel la du antaŭaj jarojn la organizon de Esperanto-kurso. La enskriboj estis tiom multnombraj, ke starigo de du klasoj estis necesa. 90 lernantoj sin prezentis en tiuj du klasoj gvidataj de S-ro Em. Wille-

kens kaj S-ro Is. Van Praag. Perfektiga kurso ankaŭ funkcias sub gvido de S-ro Em. Willekens.

**La propaganda kaj turisma societo « Antverpeno-Antaŭen»**, kiu tiel efike helpis la L. K. K. de la 20a kongreso, malfermis novan oficejon kun ekspoziciejo en salono « NOVA », Frankrijklei 36 (Avenue de France 36). La unua ekspozicio organizita en tiu salono, publike kaj senpage vizitebla, estas tiu de turismaj kaj foiraj afiŝoj. Tuta fako de afiŝoj redaktitaj en Esperanto multe impresis la vizitantojn kaj sendube tiu elmontro de la praktika uzado de nia lingvo tre helpos la propagandon de ĝi. La ekspozicio daŭros ĝis la 6a de Januaro 1929.

La 10an de Januaro komenĉiĝos alia ekspozicio pri komercaj afiŝoj, prospektoj kaj specimenoj. Ni petas niajn belgajn kaj eksterlandajn samideanojn, ke ili alsendu al la suprecitita adreso ĉiun koncernan materialon en Esperanto, kiun ili povus havigi. Nia partopreno en tiaj organizoj plej efike daŭrigas la propagandon por Esperanto en la urbo de la 7a kaj de la 20a Kongresoj. Antaŭdankon al ĉiuj kunhelpantoj!

**Sindikato de Komercaj kaj Industriaj Oficistoj.** — Laŭ peto de la grupo « La Verda Standardo », la Oficista Sindikato anoncis inter siaj lingvaj kursoj kurson de Esperanto ĵaŭde vespere. Sin prezentis 15 lernantoj, kiuj nun sekvas la kurson, kiun gvidas S-ro Morris De Ketelaere, en klaso de la Instituto S-ta Norberte, kie okazas ĉiuj vesperkursoj de la citita Sindikato.

**S-ta Ignaco-Supera Komerca Instituto.** — Post enkonduka parolado de S-ro Morris De Ketelaere sin enskribis 40 komercaj studentoj por libera vespera kurso de Esperanto, donata ĵaŭde vespere de la 7¾ ĝis 8¾ h. en klaso de la Instituto. Tiu kurso daŭros ĝis Pasko 1929.

**BRUSELO. — Brusela Grupo Esperantista.** — Dum la ĝenerala kunveno de la 10a de Septembro, la Grupo decidis ŝanĝi la kunvenejon por ke oni denove povu kanti kaj danci eĉ, dum la kunvenoj.

La 16an de Septembro ni partoprenis en ekskurso de la Antverpenaj samideanoj al Tamise. Post intima manĝado en Tamise, la esperantistoj grupe promenadis de Tamise al Rupelmonde kie, je la 6½ vespere, ili ĉiuj reenŝipiĝis por reveturi Antverpenon.

La 22an de Oktobro okazis la jara-ĝenerala kunveno de la Grupo por la reelekto de la Komitato. Estis elektitaj: S-inoj Biesterfeld kaj Obozinski, S-ro Kempeneers, Bas, Brihay, Castel, Spielfiedel. La Komitato, dum sia unua kunveno nomis: S-ron Kempeneers, kiel prezidanton, S-ron Bas, kiel vic-prezidanton, S-ron Brihay, kiel Sekretarion, S-ron Spielfiedel, kasiston.

La 31an de Oktobro, la Grupo aranĝis sian unuan grandan propagand-feston kiu bonege sukcesis. Je la 7½, intima vespermanĝo kunvenigis ĉirkaŭ kvardek samideanojn oni manĝis, oni babiladis, oni ridis kaj oni tre bone amuziĝis.

Je la 9a okazis la vera festo: la pianoforto aŭdigis la «Espero'n»; poste la Prezidanto, D-ro Kempeneers faris mallongan paroladeton por montri kiamaniere la kursoj de la pasinta vintro bone sukcesis kaj diris ke Brusela Grupo baldaŭ komencos diversajn kursojn en Bruselo, en

Ixelles (en postlerneja klubo por junuiinoj), en Laeken, en postlerneja klubo por junuloj, sendube en Uccle.

Fininte sian paroladeton, la Prezidanto anoncis la disdonon de la diplomoj al la premiitaj lernantoj de la lastaj kursoj. Oni vokis dekkvin gelernantojn, kiuj sukcesis la ekzamenojn.

Post la disdono, S-ro Schoofs, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, kiu bonvolis partopreni tiun festeton kun kelkaj antverpenaj samideanoj, gratulis la sukcesintajn lernantojn kaj dum mallonga paroladeto montris kiamaniere, ĉiam multe laborante, la Brusela Grupo triobligis dum nur unu jaro la nombron de siaj membroj.

Li speciale gratulis D-ron Kempeneers pro lia sindonema propagando de nia afero kaj pro la granda helpo, kiun li alportis kun siaj bruselaj amikoj al la organizintoj de la Antverpena Universala Kongreso dum la lasta somero.

F-ino Jacobs, el Antverpeno poste kantis Esperante kaj rikoltis multe de aplaŭdoj. Poste venis prestidigitatoro kiu, dum duono da horo multe interesigis la publikon per diversaj ĵonglaĵoj kaj iluziaĵoj. Li estis treege aplaŭdita.

Kaj la vespero finis per mallonga balo, dum kiu la junuloj, sufiĉe multnombraj, povis danci kiel eble plej multe.

Tiun feston partoprenis ĉirkaŭ 150 personoj. Ĉar estas la unua festo publika kiun tiu grupo aranĝis, ni povas diri, ke la sukceso estis tre kuraĝiga kaj ni esperas, ke la Bruselaj samideanoj ankoraŭ ofte organizos similajn festojn.

En Novembro speciale citinda estas la interesega parolado, kiun faris D-ro Kempeneers pri sia vojaĝo tra Svedujo, kie li restadis dum tri semajnoj. Li klarigis multe pri la vivo, la kutimoj, en tiu norda lando kaj montris kiom li estis tie helpata de Esperanto.

Li klarigis ke nek per la franca lingvo, nek per la germana li povis komprenigi sin de la svedoj.

« Se mi ne estus havinta niajn esperantojn, mi certe estus mortinta, ĉar tute ne kapablis mendi ĉu glason de biero, ĉu manĝaĵon ».

Ni atentigas pri tio ke la Brusela Grupo nun kunvenas ĉiulunde, je la 8½ en « Brasserie Flamande » — unua etaĝo — 24 rue Auguste Orts (apud la Komerca Borso).

**Kurso el «Radio-Belgique».** — Je la 21a de Oktobro komenciĝis la 3aj perradiaj kursoj de Esperanto organizataj de « Belga Ligo Esperantista». Tiuj kursoj okazas regule ĉiumerkrede: en franca lingvo, je la 18a horo, gvidata de S-ro D-ro Paul Kempeneers, en flandra lingvo, je la 18 h. 15 gvidata de S-ro Lod. Bas. Konstatinte mendon de kelkcentoj da lernolibroj ni povas noti bonan sukceson de la novaj kursoj. Tiu sukceso povus certe esti pli granda, se la Estraro de Belga Ligo akirus konsenton pri organizo je alia, iom pli malfrua horo. Ĝis nun la Direkcio de la stacio « Radio-Belgique » ne trovis rimedon por plenumi la peton de nia Ligo.

**Universitata Esperantista Grupo.** — La 15an de Nov. S-ro Durieu parolis en la « Hejmo de l'Studento » pri «La Franca Socio dum la 19a jarcento ».

BRUGO. — La 1an de novembro la grupo partoprenis, kiel ĉiujare, en la sekvantaro organizita de la «Invalidaj Soldatoj» por iri al la milittombejo saluti la militmortintojn.

GENTO. — Nova kurso okazas ĉiumerkrede por ĉirkaŭ 25 gelernantoj.

KORTRIJK (COURTRAI). — Sabaton, 6an de Oktobro, S-ro L. Cogen, vicprezidanto de la Belga Ligo Esperantista, faris multefikan paroladon en la festsalono de la urbdomo. Ĉeestis 120 personoj.

La loka gazetaro plej favore raportis pri S-ro Cogen, kies elokventeco konvinkis la tutan aŭdantaron pri neceso de helplingvo kaj la taŭgeco de Esperanto por tiu celo.

Estis tre valora vespero por la loka movado, kiu certe havigos al ĝi aron de novaj samideanoj.

La sekvontan dimanĉon, laŭ invito de la tiea grupo, la Kortrijk-aj esperantistoj ekskursis al Roubaix (Norda Francujo).

La urbestraro akceptis ilin en la urbdomo kaj prezentis la honorvinon. Tre favore al nia movado parolis la urbestro, atentante precipe pri la paca celo de Esperanto.

Vere estis bonefika tago por nia movado en tiu industria centro, kie Esperantismo ĝis nun pene vivadis.

En ĝia kunveno de Lundo, 8an de Oktobro, la urbkonsilantaro de Kortrijk havigis al la loka grupo monsubtenon de 750 fr. por starigo de novaj kursoj kiujn gvidos S-ro R. Groverman, advokato el Gentbrugge-Gent. Tiuj kursoj okazos en la ĉambrego de la urbdomo kaj komenciĝos la 8an de Novembro.

Tio estas grava helpo por la grupo kaj permesos novan antaŭenpuŝon al vojo de sukceso.

LIER. — Nova kurso malfermiĝis la 25an de Novembro en la mezagrada lernejo por knaboj. Profesoro estas S-ro Schroyers.

SANKTA NIKOLAO. — La 7/11/28 malfermiĝis nova kurso por 23 partoprenantoj, gvidata de S-ro Van Gendt. Perfektigan kurson gvidas S-ro De Clippeleir.

La grupa sekretariejo estas nun: Wegvoeringstraat, 75.

La gemembroj de la grupa bicikleta sekcio «Verda Rado» sendu de nun al la Sekretariino proponojn por ekskursoj dum la venonta somero.

TIRLEMONT. — La grupo daŭre propagandas kaj baldaŭ malfermos novan kurson.

VERVIERS. — La 7an de Oktobro okazis apud la farmodomo «Marie-Thérèse», je kelkaj metroj de la vojo al Jalhay, la inaŭguracio de la monumento al Joseph Parotte, iama prezidanto de la Verviers'a Grupo Esp. kaj delegito de UEA, kiu por ĉiam endormiĝis en tiu loko mem sub la senmakule blanka neĝo la 6an de Decembro 1925. La parencoj kaj la amikoj ĉeestis multnombre la ceremonion; la plimulto de la membroj de lokaj ekskurssocietoj venis, kelkaj per aŭtomobiloj sed granda nombro ankaŭ ne hezitis piede entrepreni tiun pian pilgrimadon.

Paroladoj estis diritaj de S-ro Albert Bonjean, prezidanto de la

komitato por la monumento, S-ro Comhaire, vice-prezidanto de « Vieux-Liége », S-ro Peuteman, prezidanto de la Verviersa Societo de Arheologio kaj Historio, S-ro Van de Lanoitte por la Scienca Rondo, S-ro Duesberg, literaturisto. S-ro J. Hérion, nuna prezidanto de la Esp. Grupo de Verviers, per belega, altanima parolado alportis la homaĝon de la esperantistoj al la memoro de la kara mortinto, kiu dediĉis pli ol 20 jaroj de sia vivo al la progresigo de nia movado. Per belstilaj frazoj samideano Hérion citis la altajn spiritajn kvalitojn de Joseph Parotte. « Li tamen restos inter ni. Lia vivo estis tro intime ligita al la nia, por ke li lasu al ni nur iun vaporsimilan memoraĵon. Ni ja ne estis preparitaj al lia morto kaj tial lia spirito trankvila ŝvebas en la kampo de nia aktiveco. Li nin gvidas, nin inspiras kaj blovetas en nin la emon lin imiti».

La monumento estas grandega unupeca kvarcito malkovrita en fosaĵo apud la vojo. Ĝi pezas trimil kilogramojn kaj 15 homoj helpataj de aŭto-trenilo estis necesaj por eltiri ĝin el la ŝlimo en kiu ĝi kuŝis de nememoreblaj tempoj. Sur la rokŝtono estas ĉizitaj la vortoj: « A Joseph Parotte, mort en Fagne, dans les neiges, le 6/12/1925 ».

Pri tiu emociplena ceremonio la lokaj jurnaloj dediĉis longajn artikolojn.

---

**Multaj fakaj gazetoj** enhavis dum la lasta tempo artikolojn pri kaj por Esperanto. Ni citu nur, krom la « Diamantbewerker» (kiu ne preterlasas la plej malgrandan okazon por favori nian movadon), «De Stroom», organo de la Internacia ordeno de Bontemplanoj, « Algemeen Blindenverbond van Vlaanderen », « De Scout », « Ons Streven » gazeto de la « Politieverbroedering » de Granda-Antverpeno. Specialan noton meritas « De Lichtbaak » organo de Instrua instituto per korespondado « Excelsior », el Loveno, kiu publikigas kurson pri nia lingvo.

## GRATULOJ.

Al S-ro kaj S-ino C. Vandevelde-De Kneef, komitatano de Belga Ligo Esp., Gentbrugge, al kiuj naskiĝis fileto, Paul, la 28an de Septembro.

Al S-ro kaj S-ino H. Vermuyten-Lacroix, komitatano de «La Verda Stelo», Antverpeno, al kiuj naskiĝis filineto, Estella, la 6an de Oktobro.

Al Gesinjoroj Dés. Leflot, membro de « Liera Stelo», Lier al kiuj naskiĝis fileto Jozef.

Al S-ro Prof. René Mesny, Direktoro de la Nacia Laboratorio de Radio-elektro, Parizo, kiu estas nomita honora membro de la Belga Federacio de l' Societoj de Radioelektraj Studoj pro liaj gravegaj servoj al la radio-afero.

## NEKROLOGO.

**S-ino Marie Louise Gamar**, patrino de S-ro Nicolas Van Winge, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, mortis en Antverpeno la 16an de Novembro.

Ni prezentas al nia samideano kaj al lia edzino niajn plej sincerajn kondolencojn.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA.

## EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO.

Ekzameno pri profesora kapableco okazis en Antverpeno dimanĉon, 21an de Oktobro 1928.

La juĝantaro konsistis el F-ino Jennen, S-ro C. Van de Velde kaj Oscar Van Schoor. Tiu lasta anstataŭis S-ron Cogen, malhelpita.

Ses kandidatoj partoprenis la ekzamenon.

Sukcesis: S-roj M. Boeren, W. De Schutter, P. Kempeneers, F-ino G. Kenens kaj S-ro I. Van Praag.

S-ro Van Regenmortel, tro juna (nur 17 jara) por esti diplomita pri profesora kapableco, interkonsente kun la grupo « Verda Stelo », ricevos la diplomon pri simpla kapableco. Kiam li estos sufiĉe aĝa li povos sin reprezenti senpage al ekzameno pri profesora kapableco.

« Belga Ligo Esperantista » prezentas al la novaj profesoraj siajn plej korajn gratulojn kaj deziras plej bonan sukceson al la kursoj de ili gvidotaj.

---

# LA POSTO DUM LA 20a KONGRESO.

Ni povas doni al niaj legantoj kelkajn statistikajn ciferojn pri la operacioj de la speciala poŝtoficejo organizita en la Akceptejo de la Kongreso en Antverpeno.

Dum la 10 dejorĵtagoj la vendo de poŝtmarkoj atingis la sumon de Belg. fr. 28.249,47. Estis vendataj interalie: 10505 poŝtmarkoj po 0,35, 11682 po 1,00, 4301 po 1,75, 1100 po 0,05, 200 po 0,10, k.t.p.

Estis forsendataj el tiu oficejo almenaŭ 30.000 poŝtkartoj kaj leteroj, kaj disdonitaj proksimume 6.000 poŝtajoj.

Krom tio estis forsendataj: 21 rekomenditaj leteroj; alvenis 19.

Nur 3 ekspressendaĵoj kaj 7 per aerpoŝto estis deponataj en la oficejo.

Neniu poŝtmandato estis farita kaj nur 2 mandatoj kaj 2 poŝtĉekoj estis elpagitaj.

La deponitaj korespondaĵoj estis forsenditaj 4 foje en ĉiu tago; je la 9 h. 30, 12 h. 15, 15 h. 30 kaj 17 h. 15. Kvarfoje ĉiutage, aparta oficisto prenis el la Centra poŝtoficejo de Antverpeno la korespondaĵojn alvenintajn por la kongresanoj, nome je la 8 h., 9 h. 30, 14 h. kaj 15 h. 30.

Je la definitiva fermo de la oficejo restis proksimume 350 korespondaĵoj kiuj estis forsenditaj, ĉu al la adresoj indikitaj de la kongresanoj mem al la oficistoj, ĉu al la adreso notita sur la aliĝilo.

La L.K.K. deziras ĉi tie esprimi sian grandan dankon al S-ro Van Bellegem, Direktoro de la Poŝtservo Antverpeno-Limburgo, pro la bona organizo de nia kongrespoŝto, kaj al niaj samideanoj S-roj Daems kaj Van Goethem, poŝtoficistoj, kaj S-ro Van Dingenen, leterportisto, pro la sindonemo kaj afableco kiujn ili elmontris dum sia dejoro kaj pro la servoj ĉiuspecaj faritaj al niaj alilandaj gastoj.

## FOTOGRAFAĴOJ PRI LA 20a KONGRESO.

Malgraŭ nia peto en la Julia numero de B. E. ne multaj samideanoj respondis al nia alvoko pri sendo de fotografaĵoj faritaj dum la Antverpena kongreso kaj dum la postkongresa ekskurso tra Belgujo. Ni permesas al ni ĉi tie renovigi nian peton.

Ni intencas fari kolekton de kongresaj lumbildoj sur filmo projekciebla per aparato « Fotoskopo » aŭ simila. Tial ni kompreneble bezonas kiom eble plej multe da fotografaĵoj. La formato ne gravas, sed jes la klareco. Al ĉiu bildo oni bonvolu aldoni (ne surskribi) klarigon kun dato kaj loko. Se eble oni sendu la fotografaĵojn antaŭ la fino de Januaro 1929. Rekompence ni sendos kopion sur filmo.

Nian koran dankon ni nun jam esprimas al tiuj nemultaj amikoj kiuj plenumis nian deziron, nome al S-ro Darjus Nemseĉi, el Tabriz, S-ro Charles Chomette, el Nov-Jorko, S-ro C. Goldsmith, el Londono, Ges-roj P. Merrick, el Shepperton, S-ro G. W. Wight, el Edinburgo, S-ro John Merchant, el Sheffield, S-ro Albéric Humez, el Douai.




## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

### Belga Teritorio.

Insiste mi alvokas la membrojn de UEA, ke ili pagu senprokraste sian kotizon por la jaro 1929. Tute escepte la Komitato de UEA konsentis doni la premion de frua pago al ĉiu membro kaj al ĉiu membro-abonanto, kiu sendas sian kotizon **antaŭ le 31a de Januaro 1929.** La kotizoj por Belgujo restas kiel en 1928: membro fr. 16.; membro-abonanto fr. 40,—; membro-subtenanto fr. 175.

Al multaj petoj ricevitaj mi respondas, konfirmante ke la premio de frua pago ankaŭ estas donata al la nov-aliĝantoj.

Apartan premion ricevas la varbanto de nova membro. Detalojn enhavas la rozkoloran admonilon pri repago de la kotizo por 1929, kiu estis dissendita al la membroj antaŭ kelkaj semajnoj.

Fr. SCHOOFS, Ĉefdelegito.

## POR LA FILATELISTOJ.

La Belga Nacia Komitato kontraŭtuberkuloza eldonis 6 belajn poŝtmarkojn kun aldono je la profito de sia bonfara celo.

La valoro de la diversaj markoj estas: 5 Cm. - 5 Cm., 25 C. - 15 Cm., 35 Cm. - 10 Cm., 60 Cm. - 15 Cm., 1 Fr. 75 - 25 Cm., 5 Fr. - 5 Fr.



La tuta kosto de la plena kolekto estas 13 Fr. 70. La markoj restas validaj por afranko ĝis la 30a de Junio 1929 kaj estas aĉeteblaj en ĉiuj poŝtoficejoj de Belgujo.

La alilandaj samideanoj, kiuj deziras ricevi tiujn markojn bonvolu sendi al Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, la koncernan sumon, aldonante 3 Fr. 50 por rekomendita afranko per ordinaraj poŝtmarkoj, aŭ 4 Fr. 50 per la bonfaraj markoj. Ili prefere pagu per poŝtmandato aŭ per ĝiro al poŝtĉekkonto N-ro 1689.58.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Internacia Esperanto-Muzeo,** en Vieno estas kontrakte starigita kiel « Corpus separatum » (kolekto aparta) de la Nacia Biblioteko, kiu traktos kaj administros ĝin kiel la havajojn akiritajn de gi mem. La malfermo okazos la 30an de Julio 1929 antaŭ la 21a Esperanto-Kongreso en la festsalono de N.B. en « Hofburg », la iama imperiestra kastelo. La Loka Kuratora Komitato de la Muzeo petas alsendon de kiu ajn Esperanto-materialo: libroj, gazetoj, propagandiloj, fotografajoj, prospektoj, poŝtkartoj, kt.p.

**Esperanto en Aŭtomobilistaj kaj Motociklistaj societoj.** — S-ro Karl Knoll, Theodor-Körner-Allee 11,1, Zittau i/Sa. (Germanujo), deziras starigi movadon por la enkonduko de nia lingvo en la ĉiulandaj societoj de aŭtomobilistoj kaj motociklistoj. Pro la rapidege kreskanta internacia trafiko de motorveturiloj li supozas, ke post nelonge kelkaj post kelkaj naciaj aŭtokluboj ekkonos la mondlingvan aferon kiel sian propran kaj mem postulos kaj helpos la ĝeneralan enkondukon de nia lingvo. Gesamsportanoj interrilatu kun li por eventualaj proponoj. Poste li sendos rekte al ili novajn informojn.

« **Hitherwood** » estas la nomo de Internacia Gastejo en Londono, kiun rekomendas kelkaj geamikoj al la Esperantistoj, kiuj intencas viziti Londonon je malgranda kosto. Estas tie sento de tutmonda amikeco kaj la situacio de la gastodomo estas tre tauga por vizitanto kiu deziras vidi la plej interesajn vidajojn de la brita ĉefurbo. La Estraro eldonis Esperante-redaktitan prospekton kiun oni petu ĉe la adreso: « Hitherwood », 19, Sydenham Hill, Londono, SE. 26.

**Kristana Esperantista Ligo Internacia (K. E. L. I.)** — Dum la 20a Kongreso de Esperanto en Antverpeno la K. E. L. I., kiu estas starigita sur evangelia kristanismo, decidis, denove komenci viglan agadon. Kiu povas helpi je la disvastigo de Esperanto inter la kristanaro, estas petata sendi proponojn, monhelpojn kaj aliĝon al la ligo. Jarkot. minimume 1 ŝilingo (angla). Oni adresu al S-ro Paul Hübner, Bergstrato 1a Quedlinburg (Germanujo) au al S-ro C. A. Fairman, 24, Binfield Road, Londono S.W. 4. (Anglujo).

---